# JAPANAJ FABELOJ



Dua eldono revizita

1957

AMO-AKADEMIO

JAPANAJ FABELOJ

dua eldono
reviziita
de
Teruo Mikami

*

Prezo: ¥130; $0.40 aŭ egalvaloro: por sendkosto aldonu 10%.

Havebla ĉe
AMO-AKADEMIO
Tenmori, Kōzōji,
Aiĉiken, Japanujo
aŭ
JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO
Hongo-Motomaĉi, Tokio,
Japanujo

*

JAPANAJ FABELOJ estas la unua el la serio de la FABELARO por TUTMONDAJ INFANOJ, kiun intencas kolekti kaj eldoni AMO-AKADEMIO en la estonteco. Ĉiunacia fabelaro, kolektita per kompetenta mano en kvanto plimalpli simila al la nuna eldono, estos akceptita por presigo, sub la nepra kondiĉo ke ĝi estu verkita aŭ tradukita en modela Esperanto.

*PRI LA KOLORBILDOJ*

*La stilo de la kvin kolorbildoj enhavitaj en ĉi tiu libro jam estas eksmoda, sed tiuj bildoj estas intence elektitaj, ĉar ili dumlonge akompanis la kvin malnovajn fabelojn.*

*Eldoninto.*

# ENHAVO

# ENKONDUKO

La japanaj fabeloj ĉi tie prezentitaj en la esperanta traduko estas transdonitaj al ni generacion post generacio el la prahistoria tempo, sekve ĉiuj estas simplaj kaj naivaj. Kiel infanoj, ni aŭskultis ilin el la buŝo de patrino aŭ avino ne nur kiel rakonton, sed ankaŭ kiel "lulkanton" ĉiunokte kiam ni ekkuŝis por dormi.

Por la hodiaŭaj japanaj infanoj abundas, kompreneble, modernaj kaj novaj fabeloj samkiel ankaŭ komikaj bildstrioj, per kiuj ili senescepte distras sin. Cetere, kelkaj malmultaj aferoj en la antikvaj fabeloj bezonas esti "klarigitaj" por la nuna juna generacio. Ekzemple, la pistilo kaj pistujo en "Monto Krako" jam ne estas konataj al la hodiaŭaj geknaboj, kiuj loĝas en urboj, escepte tiujn, ĉe kies domo estas konservitaj la similaj instrumentoj por prepari la rizkukon por la novjara tago aŭ alia tradicia festotago. Kaj tamen, la etuloj por ĉiam ankoraŭ estas avidaj je rakonto kaj pretaj klini siajn scivolajn orelojn al ĉiu el la malnovaj fabeloj, dirante, "Bis ! Bis!" —aŭ "Daŭrigu! Daŭrigu!" se ni interrompus. Tion mi ofte konstatis per mia propra sperto.

La unua eldono de ĉi tiu libro aperis en 1933. Ĝi estis jam delonge elĉerpita. Mia longa deziro estis reeldoni

ĝin memore al nia bedaŭrata kuntradukinto, S-ro J. Ŝimomura, kiu forpasis en 1953.

Kaj fine la libro reaperis. Mi esperas ke la tutmondaj gesamideanoj akceptos ĝin kiel modestan kontribuon al la ankoraŭ malriĉa Esperanta Literaturo por Infanoj.

Mi ĉi tie esprimas elkoran dankon al S-ro Teruo Mikami, kiu volonte akceptis mian peton revizii la tutan libron por la nuna eldono.

2-a eld. Majo 1957

*Kotohiko Macubara*

La dua eldono ricevis tre favoran akcepton de japanaj kaj eksterlandaj esperantistoj tiel, ke ĝi rapide elĉerpiĝis. Mi nun pretigis la trian eldonon, en kiu jam estas forigitaj la pluraj preseraroj kaj kelkaj gramatikaj eraretoj enŝoviĝintaj en la antaŭa eldono.

Por la nuna eldono, nur la kovrilon mi devis uzi el la malnova stoko de la 2-a eldono, ĉar ĝin mi presigis siatempe en tro granda nombro.

3-a eld. Jan. 1960

*K. Macubara*

# ANTAŬPAROLO

De la Unua Eldono

En ĉiu semajno, marde kaj vendrede, kunvenis ses membroj[1]) de Japana Esperanto-Societo[2]), Tokio. Oni komence decidis studi, kiel esperantigi la japanajn idiomojn, sed tio ne efektiviĝis, ĉar tradukado de literaturaĵoj pli tentis la kunvenantojn. K. Macubara proponis traduki japanajn klasikaĵojn; T. Minami la modernan literaturon; N. Hamada sciencajn traktatojn; dum N. Ŝimoda filozofiajn verkojn. Ĉiu havas sian guston!

Antaŭ ĉio ni devis konsideri, ke ĉiuj ses grupanoj estas ankoraŭ senspertaj en tia laboro. Kion fari, do? Post pripenso, ni decidis akcepti ĉiujn proponojn, kun kondiĉo, ke ni iru vojon unue facilan kaj poste iom post iom pli krutan. Tiamaniere, ni povus ekzerci nin unue per tre facilaj fabeloj. Kiujn fabelojn do elekti? Ankaŭ tio ĉi montriĝis malfacila; sed ne tre, ĉar oni baldaŭ elektis kvin antikvajn fabelojn, kiuj naskiĝis en la japana gento pratempe iom post la mitologiaj tempoj.

---

[1]) Nome: Takekiĉi Aramaki, Naosuke Hamada, Micue Jamagata, Takao Minami, Noboru Ŝimada kaj Kotohiko Macubara.

[2]) Ekzistis dum la jaroj: 1920—1950.

Dum la kunveno, ni diskutis pri diversaj problemoj: unue, pri la elekto de l' originalo. Ĉiu el la fabeloj ĝisvivis generacion post generacio ne skribe, sed parole, do laŭ la tempoj, laŭ la regiono oni rakontas ĝin diversmaniere. Post longa prikonsidero ni elektis kvar fidindajn verkojn kiel la bazon por nia traduko. Due, pri la stilo. Sed ni trovis ke la naturo de la fabeloj ne postulas apartan stilon; ni nur bezonis pristudi, kiomgrade enlasi japanismojn. Ni penis traduki en simpla kaj facila stilo, kaj laŭeble plej esperantigi, ĉar la eŭropaj esperantistoj, kiujn ni celis kiel la legantojn, ne komprenus la japanan etoson esprimitan per japanismoj —eble ne tiom, kiom ni japanoj la eŭropan.

1933 *J. Ŝimomura*



..... *"Jen la leciono, kiun mi donas al vi !" li kriis kaj fortranĉis per siaj pinĉiloj la kapon de la Simio.* ............



## 1. Simio kaj Krabo

Antaŭ longa, longa tempo estis Simio kaj Krabo. Unu tagon ili promenis apud la monto. Survoje la Simio trovis semon de persimono kaj ĝin levprenis, kaj la Krabo — rizbulon.

"Kia bona manĝaĵo!" diris la Krabo, montrante la rizbulon al la Simio. Ĉi tiu tre enviis ĝin.

"Ĉu vi ne volas," demandis la Simio "interŝanĝi ĝin kontraŭ mia semo?"

"Ne, mi ne volas," respondis la Krabo "ĉar la rizbulo estas pli granda."

"Certe, ĝi estas pli granda," diris la Simio kun ruza mieno "sed se vi metos la semon en la teron, el ĝi kreskos arbo kiu portos belajn fruktojn!"

Ĉe tiu diro la Krabo ekenviis la semon de la Simio.

"Nu, mi interŝanĝos," konsentis la Krabo.

La Krabo fordonis la rizbulon kaj la Simio manĝis ĝin ŝmacante antaŭ la okuloj de la Krabo. Kiam li finmanĝis, li foriris sin skuante. La Krabo hejmen portis la semon, kiun li ricevis de la Simio. Li enterigis ĝin en sia ĝardeno kaj kantadis al ĝi,

Sem' de persimon',
Eligu ĝermon jam,
Aŭ miaj manoj jam
Forprenos vin per tond'!

Li ripetis tion multfoje. Kaj nu — baldaŭ ĝi eligis etan ĝermon. Nun la Krabo kantadis al ĝi,

Ĝerm' de persimon',
Fariĝu abro jam,
Aŭ miaj manoj jam
Forprenos vin per tond'!

Li ripetis tion ĉiutage. Kaj nu — la ĝermo rapide kreskis, ĝis ĝi fariĝis granda arbo. Ĝi disetendis la branĉojn kaj la branĉoj portis densajn foliojn.

Nun la Krabo kantadis al ĝi,

Arb' de persimon',
Alportu fruktojn jam,
Aŭ miaj manoj jam

Forprenos vin per tond'!

Li ripetis tion multe da fojoj. Kaj nu — baldaŭ ĝi portis multajn belajn fruktojn sur la branĉoj.

"Kiel bongustaj ili aspektas!" la Krabo ĝojis rigardante la fruktojn.

"Mi do provu unu," li diris.

Kaj li etendis la manon. Sed per ĝi li ne povis atingi la fruktojn, ĉar li estis tiel malaltkreska. Do, li komencis supreniri la arbon rampante. Tamen post nur kelkaj paŝoj li ĉesis pro timo kaj revenis teren. De tiam, li ĉiutage nur rigardadis ilin de malsupre.

Iun tagon, la Simio pasis preter la ĝardeno kaj vidis tie la grandan persimonarbon, kiu jam havas multajn belajn fruktojn. Li tre deziris manĝi ilin.

"Kara Krabo!" li alparolis, "kial vi staradas tie?"

"Ha, sinjoro Simio!" respondis la Krabo. "La persimonoj estas abundaj kaj multaj jam tiel ruĝaj. Tio min ĉagrenas, ĉar mi mem ne povas ilin deŝiri."

La Simio silente suprenrigardis al la fruktoj.

"Kiel stulta mi estis!" li bedaŭris en sia koro, "ke mi donis kontraŭ la rizaĵo la semon, kiu portis tiel belajn fruktojn!"

"Nu, mi petas, kara Simio!" daŭrigis la Krabo jam senpacienca. "Bonvolu kolekti por mi la fruk-

tojn, kaj mi rekompencos vin per dek — eĉ dudeko da ili." Tiel li proponis al la Simio.

"Hm, ne malbone, mi do kolektos ilin por vi, Krabo!"

Apenaŭ la Simio parolis, li jam sursaltis la arbon. Li sin lokis sur oportuna solida branĉo, kie li deŝiris sukoplenan frukton. Ĝin li avide ekmordis.

"Kia dolĉa persimono!" li diris laŭte por enviigi la Krabon kaj jam komencis manĝi duan.

La Krabo rigardante de malsupre estis forte agitata de malpacienco.

"He, Simio," li kriis, "ne sola vi manĝu, sed havigu al mi kelkajn!"

"Jes, tuj!"

La Simio elektis verdan persimonon kaj ĝin faligis por la Krabo. Sed ĝi estis tiel maldolĉa, ke la dentoj de la Krabo agaciĝis kaj la lango kuntiriĝis.

"Ne tian maldolĉan..., sed dolĉan mi volas."

"Jes, tuj!"

La Simio denove deŝiris unu el la verdaj kaj ĝin ĵetis al li. Ĉi tiu ĝin prenis kaj ekmordis. Sed ankaŭ ĝi estis tiel maldolĉa, ke liaj dentoj agaciĝis kaj la lango kuntiriĝis.

"Ne, ne tian! Ambaŭ estis maldolĉaj. Donu al

mi vere dolĉan."

"Kia ĝenulo!" la Simio deŝiris alian verdan persimonon.

"Jen vidu kiel al vi plaĉos ĉi tiu?" Per sia tuta forto li ĵetis ĝin, kiu trafegis sur la dorson de la Krabo.

"Ve!" ĝemante la Krabo falkuŝiĝis.

"Jen mia pago!" la Simio rikanis supre.

Li kolektis ĉiujn ruĝajn persimonojn, kaj portante ilin sub sia brako, li forkuris tiel rapide, kiel li nur povis.

La Krabo havis filon. Li forestis el la domo ludante kun siaj amikoj. Kiam li venis hejmen, li trovis sian patron kuŝantan sub la persimonarbo—kun la dorso frakasita.

"He, Paĉjo! Paĉjo! Kio okazis al vi?" li demandis surprizite.

"Si-mi-o... Si-mi-o..." la Krabo siblis en agonio kaj mortis.

Tiam la Krabido rimarkis, ke la persimonarbo, kiu ĵus antaŭe portis abundon da ruĝaj fruktoj, nun estas tute nuda je tiuj.

"Fi! la Simio ne nur mortigis Paĉjon, sed ankaŭ forŝtelis la fruktojn," li komprenis kaj lamentis alkroĉinte sin al la patro.

Alflugis tien Vespo. Li trovis la Krabidon ploranta kaj demandis,

"Krabĉjo kara ! Pro kio vi tiel ploras ? "

La Krabido rakontis ĉion, kio okazis, kaj diris, "Mi volas venĝi mian patron, eĉ se mi riskos mian vivon pro tio."

La Vespo kompatis lin kaj indignis kontraŭ la Simio.

"Kia impertinenta Simio !" li diris. "Jam ne ploru, Krabĉjo, ĉar mi helpos al vi venĝi la patron."

Tien alvenis Kaŝtano. Li trovis la Krabidon ploranta kaj demandis,

"Krabĉjo kara ! Pro kio vi tiel ploras ?"

"Aŭskultu, Kaŝtano !" intermetis sin la Vespo de apude. "La Simio mortigis la patron de Krabĉjo."

La Kaŝtano kompatis la Krabidon kaj indignis kontraŭ la Simio.

"Kia impertinenta Simio !" li diris. "Jam ne ploru, Krabĉjo, ĉar mi helpos al vi venĝi vian patron."

Venis tien Marherbo onde glitante. Li trovis la Krabidon ploranta kaj demandis,

"Krabĉjo kara ! Pro kio vi tiel ploras?"

"Aŭskultu, Marherbo !" intermetis sin la Kaŝtano de apude. "La Simio mortigis la patron de Krabĉjo." Ankaŭ la Marherbo kompatis la Krabidon kaj in-

dignis kontraŭ la Simio.

"Kia impertinenta Simio!" li diris. "Jam ne ploru, Krabĉjo, ĉar mi helpos al vi venĝi vian patron."

Kaj nun venis Muelŝtono ruliĝante kun peza bruo. Li trovis la Krabidon ploranta kaj demandis, "Krabĉjo kara!" Pro kio vi tiel ploras?"

"Aŭskultu, Muelŝtono!" intermetis sin la Marherbo de apude. "La Simio mortigis la patron de Krabĉjo."

Ankaŭ la Muelŝtono kompatis la Krabidon kaj indignis kontraŭ la Simio.

"Kia impertinenta Simio!" li diris. "Jam ne ploru, Krabĉjo, ĉar mi helpos al vi venĝi vian patron."

Nun, ili ĉiuj kunsidis por konsiliĝi, kiamaniere plenumi la venĝon.

La rapidema Vespo diris,

"Mi tuj iros spioni kio nun estas pri la Simio. Momenton!"

Li jam forflugis al la domo de la Simio, kaj baldaŭ revenis kaj raportis,

"La Simio nun ne estas hejme. Ŝanco nin favoras. Ni tuj iru kaj nin kaŝu en lia domo!"

Ĉiuj aliaj unuanime aprobis lian proponon kaj kune ekiris. Ili atingis la domon de la Simio.

"Mi embuskos lin ĉi tie" diris unua la Kaŝtano,

kiu ŝovis sin en la cindron de la fajrujo.

"Mi — ĉi tie." La Vespo enflugis en la ombron de la akvujo.

"Do mi — ĉi tie." La Marherbo sin sternis antaŭ la pordo laŭ sia tuta longo.

"Mi preferas altan lokon." Kiel lasta la Muelŝtono sin portis sur la tegmenton.

Post nelonge la Simio hejmenvenis, kaj sidiĝis ĉe la fajrujo.

"Ho, kiel agrable estas al mi hodiaŭ!" li murmuris al si kontente. "Estas de longe, ke mi ne frandis la fruktojn, kaj hodiaŭ mi manĝis ilin ĝissate! Dank' al tio, mi tamen estas tre soifa. Nu, mi prenu tason da varma akvo."

La Simio, ne sciante kio embuskas lin, etendis la manon al la bolpoto. Jen subite, la Kaŝtano kun tondra ekkrako eksplodis el la fajrujo kaj frapegis lian vangon per sia tuta forto.

"Fi!" kriis la Simio, kaj kuris al la kuirejo premante la vangon per ambaŭ manoj. Li intencis kvietigi la brulvundan doloron per akvo. Kiam li etendis siajn manojn al la akvo, la Vespo alflugis el la ombro de la akvujo kaj forte pikis lin sur la okuloj. Kun dolorĝemo la Simio kuris al la pordo. Tie li surpaŝis la Marherbon kuŝantan antaŭ la

pordo kaj glitfalegis surteren. En tiu momento la Muelŝtono malsuprenfalis de sur la tegmento kaj subpremis la Simion per sia tuta pezo. La Simio siblis ĝemante kaj baraktis en doloro. Tiam elrampis la Krabido.

"Jen la leciono, kiun mi donas al vi!" li kriis kaj fortranĉis per siaj pinĉiloj la kapon de la Simio.



*......"Bonvenon, Avĉjo! Kiel mi ĝojas revidi vin!" "Ho, Paserido! Mi venis longan vojon serĉante vin, ĉar mi ne povis vin forgesi!"......*



## 2. Paserido kun la Lango Tranĉita

Antaŭ tre, tre multaj jaroj vivis Maljunulo kaj Maljunulino. Iam la Maljunulo trovis paŝetantan paseridon en la monto. Li ĝin prenis hejmen kaj nutris ĉe si. Li amis ĝin kiel sian propran filon, ĉar li ne havis tian.

Iun tagon la Maljunulo iris al la monto kiel kutime por kolekti sekiĝintajn branĉojn.

La Maljunulino lavis tolaĵojn ĉe la puto hejme. Ŝi volis ameli la lavaĵojn kaj iris al la kuirejo por preni amelon. Ŝi trovis la amelujon tute malplena.

"Ha, kio povis okazi, ke ĝi estas malplena?" Ŝi suspekteme rigardis la ĉirkaŭon.

"Kara Avinjo!" alparolis ŝin la paserido el la

kaĝo. "Kion vi serĉas?"

"Mi serĉas la amelon, kiun mi metis ĉi tie antaŭ nur kelkaj momentoj."

"Amelon? Ho, pardonu, Avinjo, mi ĝin formanĝis."

"Vi manĝis? ho, vi, maldeca kaj sendanka paserido!" Ŝi rigardis ĝin per akraj okuloj.

"Ĉu vi ne vidis, kiom mi devis labori por ĝin fari?" Ŝi kaptis la paseridon kaj fortranĉis ĝian langon per tondilo.

"For!" ŝi kriaĉis, "kien ajn flugu!" Ŝi lasis ĝin forpele.

La kompatinda paserido plorante forflugis.

Kiam vesperiĝis, la Maljunulo hejmenvenis portante faskon da sekiĝintaj branĉoj sur sia dorso.

"Hej, hej paserido, ĉu vi estas malsata?" li diris. "Mi tuj donos al vi manĝon!"

Kiam li venis al ĝi, tie pendis nur la malplena kaĝo.

"Mia Maljunulino!" li demandis mirigite. "Ĉu vi scias, kie estas nia paserido?"

"Paserido?" la Maljunulino diris. "Mi forpelis ĝin tranĉinte ĝian langon."

"Kio? pro kio do?"

"Tial, ĉar ĝi formanĝis mian amelon maldece.

Mi ne povas toleri tian maldankeman friponon en nia domo."

"Ho, kion mi aŭdas! Mia kompatinda paserido! Kial mia Maljunulino povis esti tiel kruela al ĝi nur pro tio, ke ĝi formanĝis ŝian amelon!" La Maljunulo tre malĝojis.

Dum li pensis pri la paserido, li eĉ ne povis pace dormi en la nokto. Apenaŭ tagiĝis, li jam forlasis sian domon por elserĉi la paseridon. Li vagis tien kaj reen en la montoj ĉiam sin apogante sur bastono.

"Pep' pep' pep', kie estas la hejmo de la paserido kun la lango trnĉita? Pep' pep' pep', kie estas la hejmo de la paserido kun la lango tranĉita?" Li ripetadis vagante.

"Pep' pep' pep', ĉi tie estas la hejmo de la paserido kun la lango tranĉita!" aŭdiĝis la konata voĉo el bambuaro, kiam li venis proksime al ĝi. Li ĝojegis kaj rapidpaŝe eniris la bambuaron. En ĝi li trovis la hejmon de la paserido, el kies pordo jam venis al li renkonte la kara paserido serĉata.

"Bonvenon, Avĉjo! Kiel mi ĝojas revidi vin!"

"Ho, Paserido! Mi venis longan vojon serĉante vin, ĉar mi ne povis vin forgesi!"

"Dankon, Avĉjo! Bonvolu do eniri!"

La paserido kondukis la Maljunulon en la domon per lia mano. Kune kun ĉiuj aliaj paseroj ĝi varme akceptis lin kiel honoran gaston. Ili regalis lin ne nur per bonaj manĝaĵoj, sed per belaj kantoj kaj graciaj paserdancoj. La Maljunulo tiom ĝojis, ke li preskaŭ forgesis, ke li devas reiri al sia hejmo.

Dume la krepusko pli kaj pli kreskis.

"Nu, jam estas sufiĉe malfrue. Mi do diros al vi adiaŭ! Mi dankas pro la agrablaj horoj, kiujn vi havigis al mi hodiaŭ!" diris fine la Maljunulo.

"Avĉjo, nia domo ne estas bela, kiel vi vidas. Sed se al vi plaĉus, bonvolu ĉe mi tranokti hodiaŭ."

"Ne, mi dankas; mia Maljunulino atendas min hejme. Mi adiaŭos hodiaŭ."

"Mi bedaŭras, sed mi ne retenos vin. Do atendu momenton, mi petas, ĉar mi volas fari al vi donacon."

La paserido eniris internan ĉambron. Ĝi baldaŭ elvenis portante du grandajn korbegojn, kaj diris,

"Mia Avĉjo! Jen estas du korbegoj. Ĉi tiu estas peza kaj tiu malpeza. Mi donacos al vi unu. Bonvolu do elekti por vi kiun ajn laŭ via bontrovo."

"Vi jam regalis min sufiĉe bone; ĉu vi ankoraŭ volas fari al mi donacon? Ho, vi estas tro afabla. Mi volonte ĝin akceptos por ne esti maldeca al via

bonkoreco!" diris la Maljunulo.

"Kiun vi elektos do?"

"Nu, momenton lasu min pripensi... Mi akceptos la malpezan, ĉar mi jam estas tro maljuna."

Oni helpis al li meti la malpezan korbegon sur lian dorson. La paserido forvidadis lin ĉe la pordo.

Hejme la Maljunulino grumblis pri la Maljunulo, kiu ankoraŭ ne revenis malgraŭ la vesperiĝo. Baldaŭ, tamen, li hejmenvenis portante la korbegon sur sia dorso.

"Mia Maljunulo!" plendis la Maljunulino. "Kio, nu, tiel malfruigis vian revenon?"

"Ne riproĉu min tiel, mia Maljunulino. Hodiaŭ mi vizitis la paseridon ĉe ĝia domo. Oni regalis min bone kaj prezentis por mi paserdancojn. Kaj plie, oni donacis al mi — jen vidu — tiel belan korbegon."

Tiel parolante, la Maljunulo mallevis la korbegon de ĉe sia dorso. Subite la Maljunulino mildigis la vizaĝesprimon, kaj diris.

"Ho, kia bonkora paserido ĝi estis! Sed mi scivolas, ja kio kuŝas en la korbego!"

Helpate de ŝi, la Maljunulo malfermis la korbegon. Jen, ili trovis en ĝi oron, arĝenton, gemojn kaj multajn aliajn altvalorajn ŝtonojn kaj juvelojn. Vidante tion la Maljunulo eksaltis pro ĝojo.

"Nu, aŭskultu min," rakontis la Maljunulo, "oni unue prezentis al mi du korbegojn — unu pezan kaj unu malpezan, kaj diris al mi, ke mi prenu kiun ajn el ambaŭ laŭ mia bontrovo. Ĉar mi estas maljuna, mi do elektis la malpezan kaj ĝin alportis hejmen. Sed mi neniam imagis, ke en ĝi kuŝus tiaj altvaloraĵoj!"

Tiam la Maljunulino ekkoleris.

"Kia stultulo vi estis!" ŝi diris. "Kial vi ne elektis la pli pezan? Nu, mi mem iros ĝin elpeti."

La Maljunulo provis ŝin haltigi, sed ŝi lin ne aŭskultis kaj jam ekiris.

"Pep' pep' pep', kie estas la hejmo de la paserido kun la lango tranĉita?"

Tiel ripetante, la Maljunulino vagis en la montoj, ĉiam sin apogante sur bastono. Baldaŭ voĉo aŭdiĝis el bambuaro.

"Pep' pep' pep', ĉi tie estas la hejmo de la paserido kun la lango tranĉita!" La Maljunulino rapide kuris en la bambuaron. Ŝi renkontis la paseridon, kies langon ŝi tranĉis. Ĝi malfermis la pordon kaj intencis ŝin enkonduki per ŝia mano, dirante,

"Bonvolu eniri, kara Avnjo!"

La Maljunulino tamen ne volis eniri kaj diris,

"Ne, ne. Hodiaŭ mi estas tiel okupita, ke mi ne

povas resti longe ĉe vi. Mi jam estas kontenta revidinte vin en bona sano. Bonvolu ne ĝeni vin per manĝo kaj dancoj por mi. Sed se vi volus, donu al mi donacon, kaj mi tuj adiaŭos."

"Ha, ĉu tiel okupita vi estas?" diris la ĉarma paserido, "do, mi tuj donos al vi donacon. Bonvolu atendi momenton."

Kaj el la domo ĝi alportis du grandajn korbegojn.

"Jen, Avnjo!" ĝi diris. "Ĉi tiu estas peza kaj tiu malpeza. Mi donacos al vi unu. Bonvolu preni kiun ajn laŭ via bontrovo."

"Mi do prenos la pezan, ĉar mi estas malpli maljuna ol la Maljunulo."

Tiel dirinte, ŝi rapide levis la pezan korbegon sur sian dorson, adiaŭis kaj jam foriris.

Sur la vojo hejmen, ŝi eksentis la korbegon tro peza por porti. Ŝi timis, ke ŝiaj koksoj kaj kruroj kunfaldiĝos altere sub la pezego.

"Nu, mi ripozu ĉi tie momenton; dume mi jam vidu, kio ja estas en la korbego."

Ŝi demetis la korbegon sur la elteriĝintan arboradikon ĉe vojrando kaj senpacience forprenis ĝian kovrilon. Jen! Dio! Kion ŝi vidis? Triokula bubaĉo, terura monstro kaj la plej diversaj timigaj abomenindaĵoj, kiajn oni nur povas imagi, levis sian kapon

el la korbego! Kun akra ŝirkrio la Maljunulino falis duonsvene sur la teron.

"Vi senhonta, senkompata avarulino!" kriis ĉiuj teruraj abomenindaĵoj. "Nun sciu, kiel ni vin traktos!"

Kaj ili elrampis el la korbego. Kelkaj rigardegis ŝin per timigaj okulegoj, dum la aliaj komencis leki ŝian vizaĝon per flamanta lango.

"Helpuuuuuu! Helpuuuuu!" kriegante ŝi forkuris per ĉiuj siaj fortoj.

Kiam ŝi rulkuris en sian domon kun morte pala vizaĝo, la bonkora Maljunulo demandis ŝin en mirkonsterno,

"Kio ja okazis al vi?"

La Maljunulino rakontis ĉion, kion ŝi spertis, kaj aldonis,

"De nun mi estos malavarulo!"



*......"He Kuniklo," ĝi demandis "kio okazis, ke mi aŭdas krak-sonon ĉe mia dorso?" "Vi aŭdas kraksonon tial, ĉar ĉi tiu estas Monto Krako."......*



# 3. Monto Krako

Iam vivis Maljunulo kaj Maljunulino. La Maljunulo ĉiutage laboris sur la kampoj malantaŭ la domo. Hejme la Maljunulino pistis rizon kaj hordeon.

Nu, Maljuna Melo loĝis en la monto. Ĝi ofte venis al la vilaĝo kaj difektis la kampojn, kiujn prilaboris la Maljunulo. Preskaŭ ĉiutage ĝi venis al li laboranta sur la kampoj, kaj moke kantis,

Maljunulo plugas
Ha, dekstren hop, ŝancele!
Maldekstren hop, danĝere!

Kaj ĝi ĵetadis al li aŭ ŝtonetojn aŭ koton kontraŭ lian dorson. Pro ĝeno, la Maljunulo pretigis kaptilon. Iutage la malica Melo fine falis en ĝin. La

Maljunulo kunligis ĝiajn kvar piedojn per ŝnuro kaj portis ĝin al sia domo.

"Mia karulino!" li diris al la Maljunulino. "Fine mi kaptis la Melon. Volu ĝin gardi kaj ne lasu ĝin forkuri. Mi iros denove labori sur la kampoj. Kiam mi revenos hejmen, estu preta la supo kun meloviando."

Li pendigis ĝin ĉe la trabo en la domo, kaj foriris.

"Ve, kia mizera sorto min trafis!" domaĝis la Melo. "Kiel mi povos min savi?"

La Maljunulino metis la pistujon sub la trabo kaj, gardante la Melon, ŝi komencis pisti hordeon. Post kelka tempo ŝi ekĝemis,

"Ah, mi estas lacigita!"

Ŝi lasis la pistilon kaj forviŝis la ŝviton per tuko.

"Avinjo!" ekparolis la Melo al ŝi. "Vi aspektas tre laca. Ankaŭ al mi estas terure laciga afero pendadi ĉi tie. Ĉu vi ne bonvolus lasi min ripozi dum kelkaj momentoj? Dume mi volontos pisti por vi."

La Maljunulino skuis la kapon kaj diris,

"Ne; mi jam scias, ke vi pretekstas tion por povi forkuri."

"Forkuri? Tute ne, Avinjo! Kiam mi finos vian laboron, vi denove povos min pendigi ĉi tie kiel nun.

Jes, mi ĵuras al vi tion!"

"Se vi ĵuras, mi do lasos vin labori por mi."

Kaj ŝi malligis la ŝnuron al la Melo.

"Dankon!" ĝi diris. "Mi tuj laboros."

La Melo levis la pistilon super ŝian kapon kaj, ŝajnigante mallevi ĝin en la pistujon, bategis per ĝi la kapon de la Maljunulino. Kun vekrio ŝi falis sur la plankon senviva. La Melo disrompis la membrojn kaj ostojn de la Maljunulino, kuiris ilin kaj pretigis supon kun ŝia karno.

Poste, la Melo transformis sin en la Maljunulinon kaj atendis la revenon de la Maljunulo.

Vespere la Maljunulo hejmenvenis.

"Mi atendis vin, mia kara!" diris la Melo en formo de la Maljunulino. "Jam preta estas la bongusta supo kun meloviando."

"Mi dankas," la Maljunulo diris kaj ĝoje altabliĝis. Kun bona apetito li manĝis la supon kun la karno de la Maljunulino, dum la Melo lin servis. Tiam la falsa Maljunulino subite ŝanĝis sin en la Melon, kiu kriis,

"Hej, vi manĝis la karnon de via Maljunulino! Vidu ŝiajn ostojn, kiujn mi kaŝis en la kuirejo!"

Apenaŭ la Melo diris tion, ĝi jam forkuris tra la kuireja pordo, svingante sian dikan voston.

La Maljunulo tuj iris en la kuirejon, kie li trovis la disrompitan skeleton. Li svenis momente, sed kolektante al si la forton ekkriis,

"Ho, Dio! Mia kompatinda Maljunulino!"

Li laŭte ploris.

Tiam venis Kuniklo.

"Pro kio vi ploras, Avĉjo?" ĝi demandis.

La Maljunulo rakontis ĉion, kio okazis, kaj diris,

"Ho, kompatinda estas mia Maljunulino! Mia koro krevas pro malgajo!"

"Mi kore simpatias vin, Avĉjo. Sed ne tiel lamentu, ĉar mi nepre ŝin venĝos," konsolis lin la Kuniklo.

"Do mi konfidos ĉion al via bonvolo," la Maljunulo diris senkonsole.

La Kuniklo adiaŭis al la Maljunulo. Hejme ĝi bakis pizon, kaj metis ĝin en skatoleton. Ĝin ĝi ligis al sia kokso kaj iris en la monton, kie loĝas la Melo. Tie ĝi ŝajnigis labori, kolektante sekiĝintajn branĉojn. La Melo ekflaris la apetitvekan odoron de bakita pizo kaj venis el sia kaverno allogita.

"He, Kuniklo! Kia bonodoro venas de vi! Kion vi portas kun vi ?

"Mi portas kun mi bakitan pizon."

"Ĉu vi ne bonvolus doni al mi iomete?"

"Jes, mi donos, kondiĉe ke vi portos por mi la branĉojn ĝis la najbara monto," la Kuniklo proponis.

Por ricevi la pizon, la Melo vole-nevole devis konsenti. Ĝi levis la faskon da branĉoj sur sian dorson kaj ekmarŝis. Survoje, kiam la Melo flanken rigardis, la Kuniklo ŝteliris malantaŭ ĝin, kaj ekkrakis fajrilon.

"Kuniklo," la Melo demandis, mirante, "Kio krakis malantaŭ mi?"

"Vi aŭdis krakon, ĉar tie ĉi estas Monto Krako."

"Ĉu?" diris la Melo. Kaj ĝi daŭrigis la vojon.

Baldaŭ la fajreroj, elbatitaj de la Kuniklo, ekflamis sur la branĉojn kaj la fajro ĉiam plivastiĝis. Nun la tuta fasko brulas kun kraksono. Tio ege mirigis la Melon.

"He, Kuniklo," ĝi demandis "kio okazis, ke mi aŭdas kraksonon ĉe mia dorso?"

"Vi aŭdas kraksonon tial, ĉar ĉi tie estas Monto Krako."

"Ĉu?"

Dum ili parolis, traflamis la tuta fasko da branĉoj, kaj la fajro atingis la dorson de la Melo. Ĝi eksaltis konsternite.

"Varmege! Varmege! Helpuuuuu!" ĝi kriegis el la tuta gorĝo. Ĝustatempe la vento komencis blovi en la monto. Ĝi intense pli disflamigis la fajron. Pro akra doloro la Melo freneze rulis sin sur la tero. Apenaŭ ĝi sukcesis forskui de si la brulantajn branĉojn, ĝi forkuris al sia kaverno. Kiam la Kuniklo kuris, ĝi ŝajnigis grandan surprizon por montri ke li estas senkulpa, kaj kriegis,

"Helpuuu! Helpuuu! La Melo brulas!" Kaj ankaŭ li iris hejmen.

La Kuniklo nun preparis paston el soj-faba pulvoro kaj papriko. Portante ĝin en la poŝo ĝi la sekvintan tagon vizitis la Melon, por ŝajne demandi ĝian farton post la vundiĝo kaj esprimi sian simpation. La Melo kuŝis en sia kaverno laŭte ĝemante pro doloro. Ĝia tuta dorso estis plene brulumita.

"Melo! Kia malfeliĉo trafis vin hieraŭ!"

"Mizerego! Mi ankoraŭ sentas grandan doloron. Ĉu vi ne konas ian bonan balzamon?"

"Mi kunportis por vi paston el soj-faba pulvoro kaj papriko. Se al vi plaĉus, mi ŝmiros per ĝi vian dorson."

"Ho, vi estas afabla." La Melo jam elmontris al la Kuniklo sian difektitan dorson.

La Kuniklo frotŝmiris ĝian tatan dorson per la

pasto. Pro tio la Melo sentis ĉiam pli kaj pli grandan doloron, kvazaŭ la fajro ĉiam ankoraŭ surdorse bruladus.

"Ho! Dolore! Uuuu...! la Melo ĝemblekis kaj ĉirkaŭruliĝis en la kaverno tien kaj reen.

"Melo!" la Kuniklo konsilis "komence la pasto dolorigas sur la haŭto, sed ĝi tre baldaŭ kuracos la vundon. Estu pacienca por kelka tempo!" Kaj ĝi foriris.

Post kelkaj tagoj la Kuniklo ree vizitis la Melon.

"Ĉu la doloro jam malaperis, Melo?" demandis la Kuniklo.

"Dank' al via kuracilo, ĝi malaperis. Mi jam fartas bone."

"Bone! Ĉu vi ne volas promeni kun mi?"

"Jes, mi volas. Sed mi ne ŝatas iri en la monton."

"Ĉu do al vi plaĉus remi boaton sur maro?"

"Bone,—la maro al mi ne malplaĉas."

Tiel, la Kuniklo kaj la Melo iris al la maro. La Kuniklo faris boaton el ligno kaj la Melo — el argilo. La Kuniklo suriris en la lignan boaton, kaj la Melo en la argilan. Kaj ili remis for sur la maron.

"Kia agrabla vetero, Melo!"

"Kaj kia bela vidaĵo, Kuniklo!"

Aŭ parolante aŭ remante ili estis tre feliĉaj dum kelka tempo.

"Nu, Melo!" ekdiris la Kuniklo. "Kiel amuze estos por ni remkonkuri!"

"Bonega ideo!" aprobis la Melo.

Ambaŭ komencis remi tre energie.

"Jen, mia estas ligna boato," fieris la Kuniklo frapante ĉe la boatorando. "Ĝi estas tre malpeza kaj kuras pli rapide."

"Mia estas argila," fieris ankaŭ la Melo frapante ĉe la boatorando. "Ĝi estas peza, sed fortika."

Dum la remkonkuro, la argila boato ensorbis la akvon kaj komencis pli kaj pli deformiĝi.

"Ha Ĉielo! Mia boato deformiĝas!" Terurite la Melo elkriis. Ĝi senhelpe kuris tien kaj reen sur la subakviĝanta boato.

"Nun la momento atendita!" pensis la Kuniklo, kaj diris al la Melo.

"Aŭskultu min, vi maljuna kanajla Melo! Vi murdis la Maljunulinon kaj donis ŝian karnon al la Maljunulo. Nun meritan punon vi ricevu!"

"Helpu! Helpu!"...

La boato pli kaj pli kaj fine subakviĝis kun la malbona Melo.

La Kuniklo kuris al la Maljunulo kaj rakontis

al li la tutan okazaĵon. La Maljunulo profunde dankis.




*......"Ĝi estas milibuloj, la plej bonaj en tuta Japanujo"*
*"Bonvolu doni al mi pecon, kaj mi estos via vasalo"......*
*La tri ideografiaĵojn sur la flago oni legu "Japanuja N-ro 1"*
*en la senco: la plej bonaj en tuta Japanujo.* *(Vidu p.43)*



# 4. Historio de Momotaro

Antaŭ longa tempo vivis gemaljunuloj. La Maljunulo ĉiutage iris al la montoj por kolekti branĉojn, kaj la Maljunulino al la rivero por lavi tolaĵojn. Iun tagon, kiam la Maljunulino estis ĉe la rivero, alnaĝis granda persiko laŭ la fluo. Plaŭ', plaŭ', plaŭ'! La Maljunulino kunfrapis la manojn pro ĝojo kaj kantis,

Persiko, vi, persiko,
Ĉi tie l' akvo estas dolĉa,
Sed tie l' akvo tre maldolĉa;
Ĉi tien venu al la dolĉa,
Ne iru for al la maldolĉa!

La granda persiko venis pli kaj pli proksime al

la Maljunulino, ĝis ĝi fine haltis antaŭ ŝi. Ŝi tre ĝojis kaj levis ĝin el la akvo.

"Kia bela granda persiko! Mi manĝu ĝin kun mia Maljunulo."

Ŝi metis ĝin en la lavpelvon kaj kunportis al la hejmo.

La Maljunulo baldaŭ hejmenvenis portante la kolektitajn branĉojn sur la dorso.

"Mia kara," li sin anoncis jam ĉe la pordo.

"Ho, mi atendis vin, Maljunulo," diris la Maljunulino. "Rapide venu al mi. Mi regalos vin per bonega frukto."

La Maljunulo demetis la pajlosandalojn. Kiam li venis en la ĉambron, la Maljunulino alportis la grandan persikon en ambaŭ manoj. La Maljunulo, kiu ekvidis ĝin, miregis pro ĝia eksterordinara grandeco.

"Ho, kia granda persiko! Kie vi ĝin akiris?" li demandis.

"Hodiaŭ mi trovis ĝin ĉe la rivero, kiam mi lavis la tolaĵojn."

"Kio? ĉe la rivero?"

La Maljunulo nur miregis, kaj frotadis ĝin per la mano. Jen, ĝuste en tiu momento, la persiko krevis en du egalajn pecojn, kaj el interne, elsaltis eta

sed forta knabo kun la manoj alte disetenditaj. La gemaljunuloj estis surprizitaj. Ili tamen ĝojegis havante la etulon inter si, ĉar ili jam longe deziris havi infanon.

La Maljunulino lin levis surbrake kaj intencis doni al li unuan banon en varma akvo. Tiam la knabo forŝovis de si la manojn de la Maljunulino.

"Ho, kia forta etulo ci estas!" ŝi admiris.

"Vere vigla etulo ci estas!" admiris ankaŭ la Maljunulo. Kaj la gemaljunuloj rigardis la vizaĝon unu de la alia. Ili nun estis feliĉaj kaj decidis nomi la etulon Momotaro*, ĉar li naskiĝis el la persiko.

La gemaljunuloj tre amis Momotaron. Ju pli li kreskis, des pli forta li fariĝis. Eĉ tre pezegan rokon, kiun plenaĝuloj apenaŭ povis levi, li portis tre facile. En lukto neniu lin venkis.

En tiu tempo loĝis malbonaj gigantoj en la Insulo de Gigantoj. De tempo al tempo ili venis al la vilaĝo trans la maro kaj prirabis ĝin, aŭ eĉ mortigis homojn. Momotaro ofte aŭdis pri tio.

"Bonvolu doni al mi forpermeson por kelka tempo." Iam li petis al la Maljunulo.

"Kien vi volas iri?" demandis la Maljunulo.

---

* "Momo" estas la japana vorto por "persiko"; "taro" estas tre populara nomo aŭ nom-sufikso por japana knabo.

"Mi volas aventuri al la Insulo de Gigantoj por subigi la malbonajn gigantojn," li respondis. La Maljunulo tre laŭdis lian intencon kaj diris,

"Kiel brava vi estas! Vi iru!" La Maljunulo donis al li forpermeson.

"Do, bonvolu prepari por mi milibulojn," Momotaro petis.

"Bone, bone!" diris la Maljunulo. Li kaj la Maljunulino vaporkuiris milion kaj laboris fari milibulojn.

Kiam la manĝaĵo pretiĝis, ankaŭ Momotaro estis tute preta ekiri. Li ligis glavon ĉe la flanko, metis la milibulojn en sakon, ĝin pendigis ĉe la kokso, kaj kiel komandilon portis faldeblan ventumilon en la mano.

"Nu, ĝis revido, karaj gepatroj. Mi deziras al vi bonsanon dum mia foresto!" Momotaro kapklinis por adiaŭo.

"Iru kaj subigu la gigantojn ĝis la lasta!", kuraĝigis lin la Maljunulo.

"Zorgu ne vundiĝi," konsilis patrine la Maljunulino.

"Estu trankvilaj, gepatroj. Jam la milibuloj certigas la venkon!" li diris memfide kaj forlasis la domon. La gemaljunuloj forvidadis lin ĉe la pordo

ĝis li malaperis ekster la vidon.

Momotaro rapidis sur la vojo. Kiam li alvenis apud monton, alkuris Hundo, kiu riverencis al li ĝentile.

"Kien vi iras, kara sinjoro Momotaro ?" ĝi demandis.

"Mi nun aventuras al la Insulo de Gigantoj por subigi malbonajn gigantojn," li respondis.

"Ha, kiel brava vi estas ! Sed kion vi portas ĉe la kokso ?"

"Ĝi estas milibuloj, la plej bonaj en tuta Japanujo!"

"Bonvolu doni al mi pecon, kaj mi estos via vasalo."

"Konsentite, mi donos al vi ne pecon sed unu bulon kaj vi estu mia vasalo !"

La Hundo ricevis milibulon kaj sekvis lin.

Ili daŭrigis iradon sur la montovojo kaj baldaŭ trovis sin en arbaro. Tiam Simio venis malsupren de sur arbo, kaj riverencis al Momotaro ĝentile.

"Kien vi iras, kara sinjoro Momotaro?" ĝi demandis.

"Mi nun aventuras al la Insulo de Gigantoj por subigi malbonajn gigantojn," li respondis.

"Ha, kiel brava vi estas ! Sed kion vi portas ĉe la talio ?"

"Ĝi estas milibuloj, la plej bonaj en tuta Japanujo!"

"Bonvolu doni al mi pecon, kaj mi estos via vasalo"

"Konsentite, mi donos al vi ne pecon sed unu bulon kaj vi estu mia vasalo!"

La Simio ricevis milibulon kaj sekvis lin.

Kiam ili atingis la supron de la monto, etendiĝis antaŭ ili vasta kamparo. Tiam Fazano alflugis kaj riverencis al Momotaro ĝentile.

"Kien vi iras, kara sinjoro Momotaro?" ĝi demandis.

"Mi nun aventuras al la Insulo de Gigantoj por subigi malbonajn gigantojn," li respondis.

"Ha, kiel brava vi estas! Sed kion vi portas ĉe la talio?"

"Tio estas milibuloj, la plej bonaj en tuta Japanujo!"

"Bonvolu doni al mi pecon, kaj mi estos via vasalo."

"Konsentite, mi donos ne pecon sed unu bulon al vi, kaj vi estu mia vasalo."

La Fazano ricevis milibulon kaj lin sekvis.

La Hundo, Simio kaj Fazano fariĝis intimaj kolegoj, kaj ĉiuj estis tre fidelaj al Momotaro.

"Kiajn bonajn vasalojn mi akiris!" Momotaro tre ĝojis.

Ili pluiris longan tempon sur la deklivo, kaj fine venis antaŭ vasta maro. Momotaro serĉis ŝipon ĉirkaŭe. Feliĉe li trovis ĝin alligita ĉe la bordo. Tuj ĉiuj enŝipiĝis.

"Lasu min remi!" diris la Hundo kaj ĝi komencis remi.

"Mi direktos," diris la Ŝimio kaj ĝi prenis la direktilon.

"Mi okupos lokon ĉe la ŝipantaŭo por eltrovi la Insulon de Gigantoj," diris la Fazano kaj ĝi ekstaris ĉe la ŝipantaŭo. Momotaro sidis en la mezo de la ŝipo.

Ili veturis tre multajn tagojn kaj la ŝipo venis sur altan maron. Iutage, la Fazano frapegis per la viglaj flugiloj, kriante,

"Ho, sinjoro Momotaro, jam videbla estas la Insulo de Gigantoj!"

Momotaro iris al la sipantaŭo. Efektive — li rimarkis la konturon de la Insulo.

"Remu pli vigle, Hundo! Jam estas proksime!" li kuraĝigis la Hundon. Tiu ĉi remis per sia tuta forto.

Kiam ili pliproksimiĝis, ili ekvidis kastelon starantan sur la Insulo. Ĝi havas feran pordegon.

Finfine, la ŝipo atingis la Insulon. Momotaro

la unua elsaltis el la ŝipo kaj iris ĝis la pordego. "Hej! Oni malfermu la pordegon!" li kriegis frapante la pordegon kun granda bruo. Pro la alveno de tia brava homo, la gigantoj, kiuj gardis ĉe la pordego, tute surpriziĝis kaj puŝis por senmovigi la pordegon de interne per sia tuta forto. Tamen, la Fazano flugis trans la pordegon kaj laŭte anoncis,

"Jen aŭskultu, gigantoj! Sinjoro Momotaro venis por vin subigi! Se la vivo estas al vi kara, nu, tuj kapitulacu."

Dum la gardantaro el la gigantoj estis surprizata, ĝi perforte malfermis la pordegon. Momotaro enkuris kaj lin sekvis ankaŭ la Hundo kaj Simio. Ili sukcesis faligi unu post alia la gardantajn gigantojn aŭ per manfrapoj aŭ per piedbatoj, kaj pluiris en la kastelon. Tiam de interne elvenis multaj aliaj gigantoj. La Fazano pikis iliajn okulojn, la Hundo mordis iliajn piedojn, kaj la Simio ŝirgratis ilian vizaĝon.

"Ho, dolore, helpu!" kriegis ĉiuj gigantoj forĵetante la ferstangon, kiun ĉiu el ili portis kiel batalilon.

Laste, la Ĉefo de la gigantoj atakis Momotaron, turnante kiel ventoradon en la aero sian dikegan dornohavan ferstangon. Momotaro elingigis la gla-

von kaj sin tenis defende kontraŭ li. La Ĉefo svingadis sian ferstangon tien kaj reen por batmortigi Momotaron en ĉiu momento, sed Momotaro evitis ĝin tiel lerte, ke la tuta forto de la Ĉefo fine elĉerpiĝis. Vidante tion, Momotaro sin puŝis antaŭen kaj frapfaligis la ferstangon el lia mano, kaj forskuis unu lian piedon. Kiam la Ĉefo falis, Momotaro rajde subpremis lin altere. Sur lia dorso deklaris Momotaro,

"Nu! ĉu vi ankoraŭ arogus fari malbonaĵojn? Se jes, mi dehakos vian kapon!" Kaj li almetis sian glavon minace ĉe lia nuko. La giganta Ĉefo kuntiriĝis pro teruro kaj petegis,

"Ne, ne, neniam plu mi faros malbonaĵojn! Bonvolu ŝpari al mi la vivon!"

Momotaro lin liberigis.

"Ho, bravega Sinjoro! Mi kore dankas pro via pardonemo!" La Ĉefo multfoje dankis lin, ĉiam metante ambaŭ manojn sur la tero. Kaj por honori la gloron de Momotaro la giganta Ĉefo alportis el la trezorejo sorĉ-mantelon, sorĉ-martelon, kaj monton da belaj koraloj kaj aliaj trezoroj.

"Ĉio ĉi estas la netakseble altvaloraj trezoroj, kiujn ni konservis ĝis hodiaŭ," li diris. "Mi tamen volas oferi al vi la tuton. Nu, bonvolu akcepti ĝin,

mi petas."

Momotaro ŝarĝigis ĉaron per tiuj trezoroj. Kun ĝi kaj kun la tri vasaloj li forlasis la Insulon. Ĉiuj gigantoj forvidadis ilin laŭlonge de la bordo. Sur la revena marvojo la ŝipo veturis tre rapide, ĉar la maro estis tre kvieta.

Kiam ilia ŝipo albordiĝis ĉe la hejma lando, la Hundo tiris la ĉaron ĉe la timono,—plenan de la montaj trezorajoj. La Fazano tiris ĝin per ŝnuro, irante plej antaŭe. La Simio puŝis ĝin de malantaŭe. Momotaro sekvis ilin de malantaŭe, ĉiam movante la triumfan ventumilon.

Hejme la gemaljunuloj senpacience atendis la revenon de Momotaro.

"Hodiaŭ Momotaro eble revenos," ili diradis ĉiutage. Kaj nun, Momotaro efektive revenis al ili. Kiel granda estis la ĝojo de la gemaljunuloj!

Momotaro detale rakontis al ili, kiel li akiris survoje la Hundon, Simion kaj Fazanon kiel la vasalojn, kiel li atakis sur la Insulo, kiel la gigntoj subiĝis kaj kiel li ricevis la trezorajojn.

"Brave! Brave! Nun ni jam estas trankvilaj," ĝojis la Maljunulo.

"Mi estas plej kontenta, ke vi revenis en bona sano," diris la Maljunulino.

Momotaro sin turnis al la vasaloj — la Hundo, Simio kaj Fazano, kaj diris,

"Mi estas kontenta pro via laboro!" Kaj li dankis al ili donacante parton de la trezoroj al ĉiu.

De tiam la gigantoj tute ĉesis agi malbone, kaj oni povis vivi ĉiam en trankvilo kaj feliĉo.



*……La Hundo ĉiam ankoraŭ bojadis*
*Fosu ĉi tie, ŭan, ŭan!*
*Fosu ĉi tie, ŭan, ŭan!……*



# 5. Maljunulo la Floriganto

Estis iam gemaljunuloj. Ili havis blankan hundon kaj tre amis ĝin, ĉar ili ne havis sian propran infanon.

Iun tagon la Maljunulo iris al sia kampo kun plugilo surŝultre. La hundo sekvis post li.

Kiam la Maljunulo fervore plugadis, la hundo piedgratis la teron en angulo de la kampo, ĉiam flarante en ĝi ion per la nazo. Ĝi ekkuris al la Maljunulo, kaptis lian vestorandon per sia buŝo, tiris lin ĝis angulo de la kampo kaj, gratante la teron per siaj antaŭpiedoj, bojadis,

Fosu ĉi tie, ŭan, ŭan*!

---

*) Tiel la japanoj imitas la hundobojon.

Fosu ĉi tie, ŭan, ŭan!

"Strange! Ĉu vi diras, ke io kuŝas en la tero?" demandis la Maljunulo. La Hundo ĉiam ankoraŭ bojadis,

Fosu ĉi tie, ŭan, ŭan!

Fosu ĉi tie, ŭan, ŭan!

La Maljunulo enbatis la plugilon en la teron. Kiam li ripetis tion kelkfoje, lia plugilo trafis ion kun metaleca ekkrako.

"Kio ĝi povas esti?" li demandis al si. Li sin klinis por levpreni ĝin. Ho, je lia granda miro, ĝi estis ormonero brilanta. Li fosis pli profunden. Ju pli li fosis, des pli multe da ormoneroj aperis. Li ĝojis kaj venigis la Maljunulinon kun granda sako. Ili plenigis la sakon per la ormoneroj. Nun la sako fariĝis tre peza. Ili apenaŭ povis ĝin alporti ĝis la domo.

La Gemaljunuloj estis tre feliĉaj, ĉar ili subite fariĝis geriĉuloj. La hundo vigle svingis la fieran voston kvazaŭ ĝi volus per tio montri sian ĝojon. Ĉi tion vidis la Maljunulo, kiu loĝis najbare. Li vekis en si fortan envion. La sekvantan tagon li vizitis la riĉan Maljunulon kaj petis,

"Ĉu vi ne bonvolus prunti al mi vian hundon por kelka tempo?"

La riĉa Maljunulo estis bonkora homo.

"Kun plezuro," li respondis "mi volonte pruntos ĝin al vi, se ĝi povus servi al vi."

La hundo kuŝis en angulo de la korto. La najbara Maljunulo alvokis ĝin per laŭta voĉo, sed ĝi ne volis aliri kaj nur rigardis malŝate la najbaran Maljunulon. Tiu perforte kondukis ĝin al sia hejmo. Li prenis fosilon kaj iris al sia kampo tirante la hundon per ŝnuro.

"Ankaŭ mi volas elfosi ormonerojn," li diris, kaj demandis al la hundo, "Nu, kie? Montru, kie tiuj kuŝas?"

Sed la hundo rigardis flanken kun indiferenta mieno. Li do kaptis la hundon ĉe la nuko, kaj akre demandis al ĝi,

"He kie? ĉu tie? He kie? ĉu ĉi tie?"

Li perfortis ekscii la lokon, kie kuŝus ormoneroj.

"Ŭan, ŭan!" la hundo bojis malgaje, ne povante elporti la doloron, kaj gratis tie la teron.

"Ho, ĉi tie, vi diras? Bone!"

Li energie ekfosis svingante la fosilon. Li ja fosis kaj fosis, sed li trovis nur ŝtonojn. Kaj el inter la ŝtonoj venis naŭza odoro, kaj elŝprucis abundo da malpurajoj. Nun li koleris.

"Ho, sentaŭga hundaĉo!" li kriegis. "Ĉu vi volas

min trompi?"

Per sia fosilo li bategis la kapon de la hundo. Kun malgaja ĝemkrio ĝi mortis. La kruela Maljunulo eĉ ne volis ĵeti rigardeton al ĝi, kaj foriris hejmen portante nur la fosilon sur la ŝultro.

La bonkoraj gemaljunuloj en sia hejmo atendis la revenon de sia hundo.

"Kio okazis, ke ĝi tiel malfruas reveni al ni?" ili ekdubis.

Jam maltrankvila la Maljunulo vizitis la domon de la najbaro.

"Kie estas mia hundo?" li demandis. "Bonvolu ĝin redoni al mi, se vi ĝin jam ne bezonas."

"Via hundo?" la najbaro respondis tute malvarme. "Mi batmortigis ĝin."

Lia respondo konsternis la bonkoran Maljunulon.

"Pro kio vi faris tian kruelaĵon?"

"Ĉar ĝi estis tro malfidela."

"Ho, mia kompatinda hundo!" li ĝemegis. "Kial, kial vi mortigis ĝin nur pro tio?" La Maljunulo lamentis la morton de sia amata hundo.

"Do, mi petas," li diris senkonsole, "ke vi redonu al mi almenaŭ la kadavron."

"Ha, ĝi kuŝas sur mia kampo," respondis la najbaro en ĉiam ankoraŭ malvarma tono.

Nun, la bonkora Maljunulo plorante iris sur lian kampon kaj kunportis la kadavron al sia hejmo. Kun la Maljunulino, li enterigis ĝin en angulo de sia korto. Apud la tombo li plantis junan pinarbeton.

La arbeto kreskis kaj kreskis; mirinde rapide ĝi fariĝis granda pinarbo — tiel granda, ke la maturaĝa viro apenaŭ povis ĝin ĉirkaŭbraki.

"Ha, tiu ĉi arbego," diris la bonkora Maljunulo, "estas la memoraĵo de mia hundo."

Li dehakis ĝin kaj el ĝi faris grandan pistujon.

"Mi memoras, ke mia hundo tre ŝatis rizkukon; do ni faru tion per tiu ĉi nova pistujo por dediĉi al ĝi."

Li metis rizon en la pistujon kaj komencis labori. Ĉiufoje kiam li pistis, la rizo plimultiĝis en sia kvanto.

"Ha, kia stranga afero!"

Li ĉesis pisti kaj nur rigardis la rizon. Tiun ĉi fojon la rizo per si mem plimultiĝis ŝvelante. La gemaljunuloj tute embarasiĝis por ordigi la rizon, kiu senhalte plimultiĝis kaj elverŝiĝis super la randon de la pistujo.

La najbara Maljunulo, kiu ŝtelrigardis tion tra la fendaĵo de sia pordo, denove venis al li vizite.

"Ĉu vi ne bonvolus prunti al mi la pistujon?" li petis. "Ankaŭ mi volas pisti rizon."

"Kun plezuro!" diris la bonkora Maljunulo. "Mi jam finis mian laboron kaj ĝi nun estas je via dispono."

La najbara Maljunulo forportis ĝin rulante.

"Jen mi prunte alportis la pistujon," li diris al sia edzino.

"Ni pistu multe, kaj ni havu abundan rizon!"

Li komencis la pistadon kun helpo de sia maljuna edzino. Tamen, la rizo neniom plimultiĝis.

Baldaŭ la rizo komencis eligi naŭzan odoron, kaj superfluis haladzaj malpuraĵoj el la pistujo. La avarulo tre koleris.

"Jen, mi estas trompita!" Kia fripono estas tiu Maljunulo, kiu loĝas najbare!" li kriis. Li disrompis la pistujon kaj forbruligis ĝin en fajro.

La bonkoraj gemaljunuloj hejme pripensis, kiam la najbaro redonos al ili la pistujon. Jam maltrankvila, la Maljunulo vizitis la najbaron.

"Ĉu vi ankoraŭ bezonas mian pistujon ĉe vi?" li demandis ĝentile.

"Ha, la pistujon?" diris la najbaro kun malvarma tono. "Mi disrompis ĝin kaj forbruligis."

"Kio? Forbruligis? Pro kio vi agis tiel sovaĝe

kontraŭ mia pistujo?"

"Vi ja ne bezonas demandi, pro kio... Nu, neniam en la mondo mi uzis tiel malbonan pistujon. Ĝi ne nur fuŝis mian rizon, sed liveris al mi la plej abomenan malpuraĵon. Mi ne plu povis tion toleri."

La bonkora Maljunulo ne sciis kion diri.

"Do bonvolu redoni al mi almenaŭ la cindron," li fine petis.

"Ĝi kuŝas abunde en la kameno. Vi povas forporti ĝin senĝene."

De sia hejmo la bonkora Maljunulo alportis korbon, kaj kolektis en ĝi la cindron el la kameno. Portante ĝin sub la brako li hejmeniris. Survoje la vento ekblovis kaj kirlolevis iom da cindron el la korbon. Apenaŭ la cindro disŝutiĝis sur la nudajn branĉojn de la ĉerizarboj sur la vojrando, jen, belegaj floroj ekaperis ĉe ĉiuj branĉoj.

"Ho, kia mirindaĵo!" li ekstazis de ĝojo kaj diris,

"Mi do iru al ĉiuj nudaj arboj unu post alia, kaj florigu ilin per tiu ĉi cindro."

Li iris sur la ĉefvojo, ĉe kies ambaŭ flankoj vice staras la nudaj ĉerizarboj, kriante,

"Florojn! Florojn! Florojn mi donos al ĉiuj nu-

daj arboj!"

Tiam de la alia flanko de la ĉefvojo venis Sinjoro Feŭdestro rajdante sur bela ĉevalo kaj lin akompanis multaj sekvantoj procesie. Li aŭdis kion la Maljunulo kriis.

"Hm, interesa maljunulo!" li rimarkis kaj sendis por venigi lin al si.

"Ĉu estas vere ke vi povas doni florojn al ĉiuj nudaj arboj?" demandis Sinjoro Feŭdestro scivole.

"Jes, Via Moŝto, mi povas," riverencis la Maljunulo humile.

"Do, donu florojn al tiu nuda ĉerizarbo antaŭ miaj okuloj!"

"Volonte, Via Moŝto!"

La Maljunulo kun la korbo grimpis la arbon kaj surŝutis ĉiujn branĉojn per la cindro. Je ĉiu disŝuto, la cindreroj ŝanĝiĝis en florojn kaj ripozis sur la branĉoj. Tuj la tuta arbo fariĝis plena de belegaj floroj.

"Belega! Belega! Estas mirinde, ke vi faris la belajn florojn ekstersezone!"

Sinjoro Feŭdestro tre laŭdis la maljunulon kaj donis al li multe da oro kaj vestaĵoj. Kun granda honoro la Maljunulo iris al sia hejmo kaj ĝojigis la Maljunulinon.

La avara najbaro aŭdis tion.

"Da cindro de la pistujo ankoraŭ restas iom en mia kameno," li diris al si.

"Ankaŭ mi povos doni florojn al la nudaj arboj per la cindro kaj gajni abundan donacon de la Feŭdestro!"

Li tuj kolektis la restajon de la cindro en korbon, kaj kun ĝi iris sur la ĉefvojo laŭte kriante, "Florojn! Florojn! Florojn mi donos al ĉiuj nudaj arboj!"

Tiam Sinjoro Feŭdestro revenis la saman vojon rajdante sur bela ĉevalo kaj lin akompanis multaj sekvantoj procesie. Vidante tion, la avara Maljunulo rapide grimpis sur arbon ĉe la vojrando.

Dume la procesio de Sinjoro Feŭdestro kaj liaj sekvantoj pli kaj pli proksimiĝis. Unu el la sekvantoj rimarkis la Maljunulon sidantan sur la arbo.

"He! Malsupren! He! Malsupren!" li ordonis.

De sur la arbo kriis la Maljunulo,

"Mi donos florojn al nudaj arboj!"

Sinjoro Feŭdestro aŭdis tion kaj diris,

"Ho, ĉu vi estas la Maljunulo, kiun mi vidis ĵus antaŭe? Estas interese al mi: donu florojn ankoraŭfoje al la arboj!"

La Maljunulo volonte disĵetis la cindron. Sed

neniu arbo ekportis florojn.

"Ho, mi devas disŝuti ankoraŭ pli multe," pensis la Maljunulo, kaj ĵetis kaj ĵetis la cindron. Sed ĉiam ankoraŭ la arboj restis nudaj. Krome, la cindro disŝutiĝis en ĉiujn direktojn, kaj eniris en la nazon kaj okulojn ne nur de la sekvantoj, sed ankaŭ de Sinjoro Feŭdestro. Ili aŭ ternis aŭ frotis al si la okulojn. Estiĝis granda tumulto.

Sinjoro Feŭdestro tre koleris kaj kriis,

"He, vi ne estas la Maljunulo, kiun mi vidis ĵus antaŭe. Vi devas esti trompanto! Malsuprenvenu!"

La avara Maljunulo timtremante malsuprenvenis. Sinjoro Feŭdestro ordonis per laŭta voĉo,

"Arestu lin per ŝnuro!"

"Ho, pardonon mi petas, Via Moŝto! Kompatu min, Via Moŝto!" La avara Maljunulo plorpetegis, sed oni metis lin en malliberejon, kie li devis resti ĝis li fine elpentis sian avarecon.

FINO